XIII° jaro. N° 190 (6) ☆ Monata ☆ 5 junio 1916

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

**Ordinara eldono** . . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824.— Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0.16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO

**Nuntempajoj:**
*La pacproblemo: Novaj vojoj*, H. Hodler.

**Socia vivo:**
*La nova kaj la malnova sistemo de l' pacgarantio*, A. H. F.
*Impresoj pri Konstantinoplo*, Giov. Ragusin.
*Granda elektra fervojo en Usono*, John A. Shell.

**Notoj.**

**Literaturo:**
*La feliĉa juneco*, Karl Spitteler.
*Tra la Esperanta Literaturo*, Interim.

**Esperantismo:**
*La morto de Théophile Rousseau.*
*Bileto de blankbarbulo.* — *Esperanto-Kongresoj.*
*Kroniko.* — *La morto de H. Bolingbroke Mudie.*

**U. E. A.:**
*Oficiala informilo.* — *Novaj Delegitoj.*

## *Al niaj legantoj*

*Por la someraj monatoj ni alprenis la jenan aranĝon, kiun ebligas la stato de nia movado dum tiuj monatoj kaj necesigas ekonomiaj kaŭzoj.*

*La proksima N-ro de* „Esperanto" *(julio-aŭgusto) aperos la* **5 aŭgusto** *kun 24 paĝoj.*

*La postproksima N-ro (septembro-oktobro) aperos la* **5 oktobro** *ankaŭ kun 24 paĝoj.*

*Niaj legantoj ricevos do samampleksan tekston kiel nun, sed en formo de duobla kajero kaj ĉiudumonate.*

*ESPERANTO.*

NUNTEMPAJOJ

## LA PACPROBLEMO

# NOVAJ VOJOJ

XII

Resumo de la antaŭaj artikoloj. — 1ª Parto: La pacproblemo ne estas morala aŭ ekonomia, sed politika kaj jura. — La pacifistaj proponoj. La arbitracio kiel ĝi estas ĝis nun proponita ne estas sufiĉa, ĉar mankas al ĝi la bazo de internacia pozitiva juro kaj la necesaj trudrimedoj. — La principo de la popolrajto je memekzisto devas esti la jura bazo de la estonta ordo. Ĝia apliko postulas interŝtatan organizon. Profitoj kaj malprofitoj de la almilitoj. La almilitado estas grava faktoro de la internacia anarkio. Oni do devas ĝin forigi, ĉar ĝi kontraŭstaras la progresadon de ĉiuj nacioj, kiuj kune estos pli prosperaj ĉe internacia ordo, ol sub la nuna reĝimo. — La limigo de la armadoj. La armadoj estas neevitebla necesajo pro la neorganizita stato de la nacioj. Malfacileco trovi akcepteblan limigformulon. Limigo de la armadoj estos nur konsekvenco de interŝtata organizo. — Reformo de la diplomatio. La procedoj de la diplomatio estas kondiĉataj de la internacia ŝtatsistemo. Nur la starigo de ŝtatligo havus la nepran efikon transformi la diplomation, ĉar la funkcio mem de la diplomataro ŝanĝus kune kun la internacia reĝimo. — La komerca politiko dependas de la politika reĝimo. La protekcionismo estas la natura produkto de la interŝtata anarkio kaj povos malaperi nur kun ĝi. — La rolo de la gazetaro. — 2ª Parto: Fundamentoj de la federacio (ŝtatligo).

Kia estos la situacio de la kolonioj ĉe tutmonda ŝtatligo? Al ĉiuj ne estas aplikebla la sama reĝimo. Kelkaj el ili (ekz. Kanado, Aŭstralio, Sud-Afriko) estas civilizitaj nacioj, kiuj jam posedas memregadon. Ili do povus fariĝi liganoj, same kiel la ceteraj Eŭropaj kaj Amerikaj ŝtatoj. La aliaj kolonioj estas ankoraŭ ne kapablaj sin regadi laŭ modernaj metodoj; ilin almilitis la Eŭropaj regnoj por ekspluadi iliajn naturajn riĉajojn, obeante al tiu leĝo, kiu puŝas la civilizitajn grupiĝojn al mondpolitiko. Ni antaŭe diris, ke plej logika solvo de la demando pri dispartigo de la kolonioj konsistus en tio, ke oni internaciigu ilin. Tiuj teritorioj tiamaniere dependus senpere de la federacia aŭtoritato kaj estus la komuna posedajo de ĉiuj kunligitaj ŝtatoj. Tamen, estas verŝajne, ke tia vasta transformo, kiu naskas multajn praktikajn demandojn nesolveblajn sen regula internacia kunlaborado, ne povos plenumiĝi en la unua tempo de la federacia reĝimo. Tial, dum certa periodo, kies daŭro dependas de la plifortiĝo de la ŝtat-unio, la nomitaj kolonioj, kvankam laŭnome dependantaj de la federacio, daŭrigos esti administrataj de la nacioj ilin nun regantaj, sub internacia kontrolo,

kondiĉe, ke en ekonomia rilato la anoj de ĉiuj kunligitaj ŝtatoj estu egale traktataj. La malbone administrataj kolonioj, kiel ankaŭ tiuj, kiuj ne estus aljuĝeblaj al difinita ŝtato sen malutilo por ceteraj nacioj, povos esti internaciigataj kaj senpere dependigataj de la federacia povo. Cetere estas eble, ke la forigo de la internacia anarkio malplifortigos la emon al koloniaj almilitoj kaj la nacioj mem rezignos administri certajn koloniojn, forlasante ilin al la ŝtat-unio. La federacia komunposedaĵo tiel formiĝos iom post iom. Aliparte, la kolonioj, kiuj, post provoj de memregado, estos montrintaj, ke ili estas kapablaj sin regi sen fremda partopreno, povos esti emancipataj kaj fariĝi liganoj, kiel aliaj ŝtatoj.

La koloniaj problemoj havas grandegan signifon. Bedaŭrinde, senĉese okupataj per malkonsentaĉoj pro la dispartigo de malgrandegaj Eŭropaj teritorioj, kies difino estus facile fiksebla unu fojon por ĉiam per konsultado de la enloĝantoj, la regnoj de la malnova mondo povis plenumi nur parteton de sia granda mondciviliziga tasko. Kia estus la mondo, se anstataŭ malŝpari sian energion por militpreparado kaj militdetruado, la nacioj uzus ĝin por valorigi la grandegajn regionojn de la terglobo, kie la homo ne ankoraŭ povis sentigi sian magian transformigan povon?

* * *

Ni nun povas transiri al la organizo de la internacia leĝofara povo, kiun por la oportuneco de la klarigo ni nomos *Kongreso*.

Kelkaj projektoj priskribas la federacion en formo de unuiĝo el plensuverenaj ŝtatoj. Sekve la decidoj de la internacia aŭtoritato estus valoraj nur post aprobo de *ĉiuj* kunligitaj ŝtatoj. Tiuj proponoj, kiuj ne atingus unuaniman akcepton, estus forlasataj. Federacia Kongreso, formita konforme al tiu principo, ne multe diferencus de la ĝisnunaj diplomataj Konferencoj. Ĉiu ŝtato estas reprezentata de kelkaj delegitoj, kiuj partoprenas en la diskutoj kaj ricevas instrukciojn de sia registaro. Ĉe la voĉdonoj ĉiu ŝtato, kia ajn estas ĝia graveco, havas unu voĉon kaj, kiel dirite, decido havas leĝoforton nur post akordiĝo de ĉiuj partoprenantaj regnoj. Intertraktadoj kaj marĉandadoj okazas ĝis la registaroj interkonsentas. Se montriĝas, ke tia interkonsento tamen ne estas atingebla, la projekto estas forigata, kaj la Konferenco nur esprimas la deziron, ke la registaroj plue studu la demandon.

Oni facile komprenas, ke internacia Kongreso, kiu estus submetata al tia procedmaniero, estus preskaŭ tute senforta. Ĝi povus pridecidi nur la mezgravajn aŭ malgravajn demandojn, kaj, eĉ limigite je tio, ĝia laboro estus treege malrapida. Sed ĝuste ne por solvi tion, kio jam sub la reĝimo de interŝtata anarkio estas solvebla, devas fondiĝi la federacio. La gravaj problemoj de la mondpolitiko estas tiaj, ke malfacile estas atingi ĝeneralan interkonsenton pri ĉiuj pridiskutataj punktoj. Tiuj problemoj ankaŭ ne estas solvataj per ilia formetado el la tagordo. Se oni volas trafi pozitivan rezultaton, oni unue celu laŭeble akordigi la kontraŭajn tendencojn, sed kiam tio estas nefarebla, necese estas elekti kaj decidi. En anarkia sistemo decidas la fizika forto aŭ la forto de la armiloj; en jura sistemo decidas la forto de la opinioj mezurata per konvenciaj procedoj: la leĝofaranto voĉdonas, post diskutado, kaj la plimulto trudas sian vidpunkton al la malplimulto. Certe, tio ne decidas pri la praveco de la respektivaj opinioj. Ĉu la alprenita decido estas bona por la plenumota celo, tion povas montri nur la sperto. Sed la voĉdonado estas praktika procedo por agi, kaj ĉiuokaze ĝi estas multege pli simpla kaj pli ŝpariga ol la milita perforto.

La historio instruas, ke la federacioj el plensuverenaj ŝtatoj estis ĉiam ekstreme malfortaj. Senĉese ŝancelataj de la okazintaĵoj, ili neniam povis havi daŭran influon, nek venke kontraŭstari al gravaj malfacilaĵoj, ĝuste tial, ke ili estis senpotencaj por alpreni firman decidon okaze de malkonsento inter siaj anoj. Internacia Kongreso, kiu devus sin limigi je la voĉdono de deziresprimoj aŭ je malgravaj decidoj rapide fariĝus senaŭtoritata kaj sencela. El la antaŭaj rimarkoj rezultas do, ke la decidoj de la Kongreso devas esti alprenataj per la plimulto de la voĉoj. Cetere, por speciale gravaj reguloj, pli granda plimulto ol la ordinara povus esti postulata.[1]

Ni nun serĉu, sur kiu bazo estu fondata la reprezentado de la ŝtatoj. Ĉar oni forigas la postulon de la unuanimeco, ne estas necese, ke ĉiu nacio, granda aŭ malgranda, havu nur unu voĉon. Pli justa reprezentado estas ebla. Se al ĉiu ligano oni konsentus saman voĉnombron, el tio devenus, ke la malgrandaj landoj havus la superregadon rilate al la grandaj landoj, kvankam ĉi tiuj kune formas la pli grandan parton de la homaro. Tia procedo estas neakceptebla. La ŝtatoj estu egalaj antaŭ la leĝo, sed tio neniel signifas, ke ili estu egalinfluaj je la formado de la leĝo.

Kelkaj aŭtoroj, laŭ la modelo de la konstitucioj de Usono, Svisujo kaj aliaj federaciaj regnoj, proponas, dividi la Kongreson laŭ du sekcioj: unu, balotota de la naciaj parlamentoj, proporcie je la nombro de la loĝantoj; alia, elektata de la registaroj, kaj ĉe kiu ĉiu ŝtato havus saman nombron de delegitoj. En tiu sistemo la federacia kongreso tre similus nacian parlamenton, sed ŝajnas, ke ĝi respondas je pli malproksima evolucia grado de la federacio. Eĉ kiam, sub la influo de la novaj ideoj, la naciaj registaroj estos konsentintaj je limigo de sia suvereneco, ili daŭrigos ludi ĉefan rolon en la gvidado de la internaciaj aferoj, kaj ili sendube ne volos, ke decidoj estu alprenataj ekster ilia partopreno. La parlamenta vivado supozigas partiojn; nu, tiuj ĉi kredeble formiĝos nur kiam ekzistos propra internacia, pli ĝuste supernacia, vivado, kaj la federacio estos preterpasinta la komencan malfacilan periodon. Por la unua etapo, ŝajnas do pli simple sin limigi je Kongreso, kies delegitoj estos elektataj de la registaroj kaj voĉdonos laŭ iliaj instrukcioj, kiel tio jam okazas ĉe la internaciaj konferencoj.

Restas la demando pri la reprezenta bazo de la ŝtatoj en la Kongreso. Teorie, ŝajnas dezirinde, ke ĉiu nacio havu influon proporcian je sia mondgraveco. Sed se ni provas traduki en praktika formulo tiun teorian postulon, ni ja devas konfesi, ke neeble estas objektive fiksi la elementojn, el kiuj rezultas la mondgraveco de iu nacio, kaj eĉ difini precize, kion signifas en tiu kazo la esprimo „graveco“. Estas vana tasko kvazaŭ klasigi la naciojn laŭ ilia „graveco“. Certe, oni ofte parolas pri la forto, pri la kapablo, pri la elvolviĝo de popolo, sed tiuj esprimoj estas tro malprecizaj, tro subjektivaj, por ke oni povu eltiri praktikajn konkludojn.

Ĉu eble oni povus fiksi la gravecon de ĉiu ŝtato, konsiderante kelkajn el ĝiaj mezureblaj elementoj? Ekzemple, estis proponite, ke la reprezentado de ĉiu ŝtato ĉe la internacia leĝopovo estu proporcia je ĝia meza forto de industrio, loĝantaro kaj riĉeco, fiksotaj laŭ la pozitivaj rezultatoj de la statistikoj kaj buĝetoj. La pli fortaj regnoj konservus tiamaniere la superecon, kiun ili jam havas dum pacotempo kaj ankaŭ dum militotempo, ĉar la tri koeficientoj de supera ŝtatforto estas la industria kapablo, la loĝantaro kaj la riĉeco. Sendube tia bazo pli ĝuste karakterizus la gradon de elvolviĝo de iu popolo, ol la kutime uzata loĝantara bazo. Sed estas ne verŝajne, ke oni trovos formulon, kiu ebligus praktike fiksi la reprezentadon de la ŝtatoj, laŭ diversspecaj fak-

[1] Estas evidente, ke por starigi la ŝtatligon kaj difini ĝian organizon, la konsento de ĉiu partoprenanta ŝtato estas necesa. La federacio rezultas el *memvola* grupiĝo de la ŝtatoj. Sed, aliĝante al la federacio, ĉiu ŝtato implicite konsentas je parta limigo de sia suvereneco kaj sekve konsentas de tiam submetiĝi al la decidoj de la plimulto.

toroj, pri kies elekto oni nevolonte akordiĝos. Oni do devos rezignacii je la alpreno de la sola elemento loĝantaro, kiu estas facile taksebla kaj jam estas akceptata interne de la plimultaj landoj por la parlamentaj balotoj. Tamen, por instigi la disvolviĝon de la popola instruado — fundamento de ĉia ekonomia kaj socia progreso — kaj lasi la superecon al la nacioj, kiuj sciis altigi siajn loĝantojn ĝis la indeco de regnanoj, oni povus fiksi, ke ĉe la dispartigo de la voĉoj, la analfabetuloj (kies proporcio estus ĉiulande fiksebla rilate al la suma loĝantaro) estos reprezentataj en malpli alta proporcio aŭ ne enkalkulataj. La antaŭenemaj nacioj estas tiuj, kie la analfabetuloj estas pli malmultnombraj. La arto, la scienco, la industrio, la komerco ne povas plene floradi en lando, kies plej granda parto de la loĝantaro estas malklera ĝis analfabeteco. Tia lando certe povas naski geniulojn — la spirito alblovas, kien ĝi volas — kaj esti loĝata de tre bonkoraj homoj — la virtoj neniel dependas de la instruiteco — sed, se oni konsideras ĝin kiel nacion, oni devas konfesi, ke ĝi ne atingis tian gradon de kultura kaj ekonomia bonstato, je kiu estas la landoj, kies anoj posedas la elementajn konojn necesajn je ĉiu pensanta estaĵo.

Alia sistemo, pli arbitra kaj malpli justa, sed tamen akceptebla, se la grandaj regnoj ne povus interkonsenti pri la antaŭa, konsistus el tio, ke oni ekzemple aldifinu unu voĉon al la malgrandaj landoj, du al la mezgrandaj, kvar al la grandaj.

Intence ni ne pli multe insistas pri tiu temo. Estas senutile de nun priskribi en ĉiuj detaloj la federacian organizon, tiel longe kiel la grandega plimulto de la homoj ankoraŭ konsideras la federacion mem kiel utopion. Kiam iliaj ideoj pri mondpolitiko estos transformitaj, la demandoj pri la reprezentado de la ŝtatoj kaj kompetenteco de la Kongreso estos solveblaj sen tro da malfacilaĵoj, tial, ke ekzistos antaŭe akordiĝo pri la principo mem de ŝtat-unio, kaj eĉ se la alprenitaj solvoj estus mankoplenaj, ili tamen starigus sistemon, kiu estus miloble supera je tiu, kiu nun regas la malfeliĉan homaron.

Kunvenonte je difinita epoko, la federacia Kongreso havas la superan gvidadon de la internaciaj aferoj. Komence ĝia tasko estos kredeble ne vastampleksa: ĝi determinos la procedregulojn laŭ kiuj estos juĝeblaj la jurkonfliktoj inter la ŝtatoj, ellaboros leĝaron pri la temoj de komuna intereso kaj antaŭ ĉio pri la rajtoj de la naciecoj kaj la reĝimo de la kolonioj, voĉdonos pri la akcepto de novaj ŝtatoj interne de la federacion, kaj post konsultado de la interesuloj solvos la teritoriajn konfliktojn; ĝi zorgos pri ĉiea respekto al la reguloj de la internacia (federacia) juro, laŭbezone disponos la internacian policon kaj decidos pri tiaj interŝtataj malkonsentoj, kiuj ne havas pure juran karakteron kaj sekve ne dependas de la starigota juĝa kortumo.

Kune kun la plifortiĝo de la ŝtat-unio, ankaŭ plilarĝiĝos kaj plipreciziĝos la kompetenteco de la Kongreso; flanke de la publika internacia juro ellaboriĝos privata internacia juro; la grandaj naciaj publikservoj estos pli bone kunordigataj; fariĝos ebla malpli ĉikanema komerca politiko, pli konforma je la konstantaj interesoj de la civilizita mondo; ektuŝataj estos tiuj grandaj sociaj problemoj, kies solvo dependas de internacia interkonsento... Tiam, la kunlaborado inter la popoloj progresados en maniero, apenaŭ imagebla al ni, kiuj ankoraŭ estas envolvataj de la anarkia mallumo. Kiel senorda kaj delira aspektos al niaj posteuloj la periodo, kiun ni hodiaŭ travivas! Kiel barbaraj la sensencaj bataladoj de la nuntempaj nacioj por decidi pri demandoj, kiujn la armiloj neniam sukcesas kontentige solvi!

*(Daŭrigota.)* *H. Hodler.*

 SOCIA VIVO 

## La nova kaj la malnova sistemo de l' pacgarantio

Ĉiuj ŝtatoj, kiuj nuntempe sin reciproke disŝiras per plej sanga batalado, tion faras samcele, almenaŭ je l' komenciĝo de la milito ili havis tiun celon. Ĉiuj el ili pretendas, fari militon, por sin protekti kontraŭ pluaj atakoj kaj certigi al si longan pacon en la estonto. Tiu ĉi samceleco, kiun oni normale devus ĝoje aprobi, devus en tiu ĉi terura tempo kvietigi la pasiojn. Ĉar devas ekzisti fatala erarkompreno, kie objekto, kiun ĉiuj egale deziras, estas alcelata laŭ metodo tiom kontraŭa. Montri la eraron, kiu regas tiun metodon, estas do, ŝajnas al mi, unu el la taskoj plej gravaj.

Se ĉiuj celas la samon, oni povas nur atendi pacan solvon. Kiel do okazas, ke tamen la ŝtatoj estas devigataj, alceli tiun rezulton per perforto? Simple pro tio, ke ili provas starigi ordan staton per anarkia rimedo, realigi per unuopaj agoj ellaboraĵon, kiu laŭnature povas esti nur la rezulto de komuna agado.

La certigita paco de Eŭropo estas malhelpata de tio, ke ĉiu ŝtato deziras certigi sian apartan pacon. Ĉiu ŝtato celas esti tiom forta, ke aliaj ŝtatoj devas timi ĝin ataki. La amasigo de perfortiloj havas la celon, malebligi malamikajn atakojn, naskante en la supozitaj atakontoj dubojn pri la venkebleco de l' atakoto. Tial la armadoj estas konsiderataj kiel la plej bona rimedo por la paccertigo. Tamen la eraro kuŝas en tio, ke oni konsideras nur *unu* efikon de la armadoj, dum tiuj ĉi efektive produktas *duoblan efikon*. La armadoj certe protektas; tamen *ili protektas nur minacante*. La ŝtato, kiu per armadoj certigas *sian* pacon, nevole minacas ĉiujn aliajn ŝtatojn, kaj devige naskas en ili la timon pri atako de ĝi projektita. Tio same devige instigas ĉiujn aliajn ŝtatojn al defendaj antaŭrimedoj. Ili ankaŭ armas, aŭ ili plifortigas siajn armadojn, ree nur por gardi *sian* pacon, sed kun la neevitebla konsekvenco, ke per tiu ĉi gardado ĝi denove minacas la unue alcelitan ŝtaton.

Tiu ĉi duobla efiko de la armadoj (protekto kaj minaco samtempe) kondiĉas unue la de ni bone konatan vetarmadon kun ĉiuj ĝiaj sekvoj danĝeraj al la paco, due la malpli konatan fakton, *ke ĉiu ŝtato, kiu celas certigi sian propran pacon, nekonscie kaj nevole sin mem daŭre minacas.* Ĝi kvazaŭ aŭtomate efikas tiun minacon, kiu plifortiĝas per la necesa plimultigo de la propraj protektrimedoj.

Ni devas do konsideri la armadojn kiel netaŭgan rimedon, kiu efikas la malon de tio, kion ĝi celas efiki: la malcertecon kaj konstantan militdanĝerecon, anstataŭ la paccertigon.

Tamen oni ankoraŭ opinias, ke la paco povas esti certigata de armadoj. La antikva maksimo de la Romanoj „si vis pacem, para bellum“ ankoraŭ havas sian pereigan valoron. Tio devenas de la nacia — aŭ pli ĝuste monda — eraro rilate al rezultato, kiu estas atingota per la netaŭga rimedo. Oni eraras pri la naturo mem de la paco, kiun oni bezonas. Oni kredas, ke la neuzo de la perfortrimedoj jam montras pacstaton; sed efektive ĝi estas nur la stato de l' ne-milito, aŭ de la latenta milito.

La ŝtatoj, kiuj nuntempe por ĉiuj vivkondiĉoj tiom dependas unu de l' alia, kaj kiuj pli kaj pli fariĝas organismo, estas ĉiam ankoraŭ regataj de l' anarkio. Sed en la stato de l' internacia anarkio milito kaj paco estas esence samaj. Ili nur laŭgrade diferenciĝas. En anarkio la perforto difinas la interrilatojn de la ŝtatoj; iliaj fortoj estas ĉiam kontraŭaj. Tio malhelpas, ke ili uzu tiujn fortojn por faraĵoj utilaj.

Ili havas nenian alian celon, ol sin protekti kontraŭ la atakoj de aliaj ŝtatoj kaj certigi sian ekziston. La efikoj de tiu sistemo estas la samaj, ĉu ili sin montras akre en milito aŭ pli milde en la latenta formo de l' ne-milito, kiun oni malvere nomas paco.

Estas tiu ĉi falsa paco, la nur pli milda formo de l' milito, kiu per la netaŭga rimedo de la armadoj (se la cirkonstancoj estas favoraj), povas esti efektivigata. La armadoj kapablas nur prokrasti la eksplodon de la perforto, sed neniam starigi veran pacon, kiu povas esti realigata sole de anstataŭigo de l' ŝtata anarkio per internacia ordo.

Tia paco povis sufiĉi al la homaro de epokoj ne tre malproksimaj. Kaj tial, ke tio okazis, oni opinias, ke ankaŭ la nuntempularo povas kontentiĝi je tiu stato de kaŝita milito, kaj ke alia paco ne estas efektivigebla. Tio estas la grava eraro de l' nuntempo. La vivkondiĉoj de l' estanto estas aliaj, ol tiuj, kiuj valoris antaŭ nur unu generacio. Per la disvolvo de la tekniko estiĝis sur la tuta tera supraĵo komuna societa vivo de la popoloj, kiun kelkaj volonte mokas, sed kiu tute ne povas esti forigata laŭ la maniero de la strutoj. Certe, la homaro ne estas jam perfekta organismo. Sed tio ne pravigas supozi, ke ĝi neniam estos tia. Kiu ĝuste konsideras la faktojn, devas konfesi, ke tiu organismo jam estis en plena disvolvo, kaj ke ekzistis jam fortaj ligiloj inter la diversaj eroj. La nuna milito kun siaj dependaĵoj, kun la kaŭzoj, kiuj faris el ĝi *mondmiliton*, kun la suferoj kaj sekvoj, kiuj estas sentataj sur la tuta tersupraĵo, pruvas al la plej obstina skeptikulo, ke homa organismo estas evolucianta. Sed sin organizanta mondo bezonas aliajn kondiĉojn por sia elvolvo ol la daŭra, jen akra, jen latenta milito. Ĝi bezonas la pacon, kiu diferenciĝas, se ne nome, certe *esence* je tiu paco, kiu sufiĉis al la ŝtatoj kaj homoj dum la epoko de la nur malmulte organizita homaro.

Tiu ĉi vera paco ne povos esti starigita per perfortoj ĉiam pliigitaj. Ĝi estos certigita per pure raciaj rimedoj. Ĝi konsistas nur el internacia ordo, starigota de l' komuna volo de la partoj.

Interne de tiu ĉi ordo la ŝtatoj ne plu igos la en ili ekzistantajn vivfortojn, sin reciproke kontraŭstari. Ĉiu membro de la ŝtata familio kunlaboros kun la aliaj. Ili evolucios kune, kaj tiamaniere ili samfoje forigos ĉiujn tiujn danĝerojn, per kiuj ili sin nun reciproke minacas kaj malhelpas. Tiam ne estos necese por ŝtato, perforte defendi sian ekziston, sed ĝi estos protektata de la fortoj de ĉiuj aliaj. Ĉiu popolo estos la amiko de la alia popolo, kaj la progreso de ĉiu popolo estos la progreso de la alia. *Tiam la sendanĝereco de ĉiuj estos certigita* kaj kun la sandanĝereco ankaŭ la paco, la vera paco.

Por tion atingi, ni devas rezigni ĉiujn malnovajn vidmanierojn, devenantajn el la anarkio, rezigni ĉiujn metodojn, kiuj helpis al tiuj vidmanieroj. Nur per la ekkono de la aliigitaj vivkondiĉoj de l' nuntempo, per la ekkono de la novaj vivnecesoj estos eble, forlasi tiujn antaŭtempajn, malutilajn pensmanierojn kaj alpreni novajn, kiuj kapablos, kontentigi la bezonojn de homaro tute aliigita. La vera paco postulas ordon, kaj ordo devas esti starigata. Ordo ne povas esti efektivigata de la unuopaj partoj de socio. Ĝi devas esti realigata de l' celkonscia volo de ĉiuj. Ju pli estos eble, unuigi la volon de la nuntempe interbatalantaj ŝtatoj por ordon celanta komuna volo, des pli certe estos starigita la sendanĝereco de ĉiuj ŝtatoj, kiuj tiucele militas.

La starigo de internacia ordo ne plu estas fantaziaĵo. Ĝi estas tia nur, se oni imagas tujan organizitan tutaĵon, post subita aliigo de la partoj malŝatanta la apartajn interesojn de la ŝtataj. Tio estas la sensencaĵo de pensmaniero, kiu ankoraŭ uzas malnovajn metodojn. Ne ekzistas por sociaj estaĵoj konstruaĵoj kiel por maŝinoj. La intersekveco kaj la akcepto de novaj formoj estas la principo de ĉiuj sociaj ŝanĝoj. Kiu opinias, ke la celinda internacia organizo estas ebla nur per mondŝtato laŭ la procedoj de l' ŝtatformado, eraras. Neniam la internacia organizo bezonos, senigi siajn partoprenantojn de ilia individualeco. Kontraŭe, ĝi trovos sian forton en la ŝato de ĝi. Devigo neniam estos ĝia ligilo, sed intereso. Ĉiu uzo de devigo por starigo de supera socia grupigo povas nur tiun ĉi detrui. Ĝi estas la rimedo de pasintaj tempoj. Intereso sole estas la elasta mastiko de novaj sociaj formaĵoj.

La malnova sistemo de l' povuzo per subjugigo estos anstataŭigita en la internacia organizo per paca memlimigo de la propra potenco, interŝanĝe de l' servoj de la aliaj. Mi jam antaŭe komparis tiun principon kun la aliigo de l' merkantilismo en la modernan kreditismon. La rigidaj goldstangoj de l' potenco, kiuj povis esti utiligataj nur per tiu uzo de l' perforto, kiu samtempe endanĝerigis la propran ŝirmecon, estos estonte uzataj kiel internaciaj kreditvaloraĵoj, kaj havigos al la potenculo procentojn en formo de fremdaj servoj. Tio estas la kerno de l' moderna ideo pri organizo, kiu diferenciĝas de l' malnova ideo pri mondŝtato, kiel maldelikata ŝtonaĵo de moderna fervoja konstruaĵo, la piramido de Cheops, de l' Eifelturo.

Ankaŭ la multaj kontraŭdiroj kontraŭ tiu ĉi aliigo de la ŝtataj rilatoj devenas de malnovaj pensmetodoj. Ekzemple la kontraŭdiro de Germanujo, ke per la akcepto de tia internacia rilato ĝi restus malsupera inter la nacioj, kio povus kaŭzi ĝian pereon. Ni estus la malplimultaj meze de multo da malamikoj, oni diras. Sed tia timo estas nepravigata, ĉar la malsaĝa sistemo de nombra supereco ne trovas lokon en la harmonia konstruaĵo de l' organizo. La konsento ne fariĝos per plimulto, sed per kompromiso post diskuto kaj per reciproka cedo. Ĉiuj organizaj rimedoj por certigo de la paco, kiuj ĝis nun estas elpensitaj devenas de tiu principo. Eĉ la arbitracia tribunalo, kiu ektimigas tiom da partianoj de l' perforto, dependas de ĝi. Kaj se la arbitracio fakte efektiviĝas per decido de la plimulto, tiu ĉi estas antaŭe alprenita per akordiĝema procedo, kiu en formo de popolrajta kompromiso antaŭiras ĉiun arbitracian proceson. Sur kompromison sin apogas ankaŭ la principoj de perado, de servoj, de la internaciaj enketokomisionoj kaj de la antaŭ nelonge de l' amerikana ŝtatisto Bryan en la popolrajton enkondukita metodo de la komisionoj por prokrasto de la konfliktoj, kiujn diversaj ŝtatoj jam uzis en siaj kontraktoj. La elasteco de l' internacia organizo certe treege plifortigos la metodon de kompromiso kaj kreos por ĝi novajn organojn. Kiam estos pruvita, ke la timo pri nombra supereco estas vana, tiam konstantaj konferencoj de diplomatoj (precipe se ili konsistas el homoj moderne orientigitaj), daŭraj ŝtatkongresoj, periodaj konferencoj de registaroj, en kiuj estos decidotaj komunaj aferoj de la organizita socio, kaj similaj institucioj plifortigos tiun principon de kompromiso, farante el ĝi genian aparaton, per kiu oni prosperos, solvi la plej malfacilajn interŝtatajn konfliktojn. Oni ne forgesu, ke la konfliktoj de la nuntempa ŝtataro nepre suferos fundamentan ŝanĝon per la simpla ekzisto de ŝtatorganizo. Kio nuntempe igas la konfliktojn tiom danĝeraj, estas ilia deveno el anarkio. Ju pli la organizo disvolviĝos, ju pli vigle ĝiaj partoprenantoj kunlaboros, ju pli klare la firma tero de l' internacia organizo elstariĝos el la maro de l' anarkio, des pli la naskiĝintaj konfliktoj (oni vidas, ke ni ne supozas tempon sen konfliktoj) naskiĝos el la ordo. Ilia naturo estos tiam tute ŝanĝita, kaj sekve de tia fundamenta aliiĝo, ili estos pli facile solveblaj per raciaj rimedoj.

Por krei la organizon, estas do nesese, ke oni sin liberigu de la pensmaniero de l' anarkio, ke oni komprenu

la novajon ne nur laŭ ĝia neceso kaj ĝiaj celoj, sed ankaŭ laŭ ĝiaj konsekvencoj, la sanĝitaj esprimoj, la aliigita aspekto, kaj ke oni ĉesu kontraŭmeti al ĝi la opiniojn de l' pasinto. Okazis sammaniere ĉe ĉiuj novaĵoj, kaj tamen la homaro ne volis profiti je siaj spertoj. Eble la terura ekzemplo de l' militego ĝin devigos tion fari. Eble ĝi komprenos, ke pacgarantio ne plu povas esti aparta entrepreno, sed devas esti entrepreno de l' tuto, ke ĝi ne devas sin apogi sur anarkia perforto, sed sur organizita potenco. Kaj organizita potenco estas rajto.

*A. H. F.*
Trad.[1]: *A. C.*

---

## Impresoj pri Konstantinoplo[2]

La emocio, kiun mi sentis alveninte Konstantinoplon, igis min forgesi preskaŭ ĉion, kion mi estis vidinta dum kvin tagoj de veturado el Trieste ĝis tie, t. e. Dalmacio kun siaj insulrompaĵoj, la azura Jonia maro senmova kiel laguno, la rozkoloritaj malproksimaj montoj de Moreo sub la unuaj sunradioj, la ora Arĥipelago dum la sunsubiro, la Atenaj ruinoj, la Salonika golfo ...

La ĉefurbo de la granda turka imperio estas fame konata pro sia senmorta historio, pro siaj moroj kaj orientaj kutimoj. Alveninte oni estas tuj ravita de la belega panoramo de la metropolo, kiu sidas sur sep montetoj la antikva Bizancio nune Stambul, turka urbo, kun la riĉaĵoj el tri kontinentoj. Ĉe alia flanko, banita de la Ora Korno kaj Bosporo leviĝas Galata kaj Pera, liberaj urboj; kontraŭe ĉe la malfermaĵo de la Ora Korno sur la montetoj de Azia bordo leviĝas Skutari. Do tio, kion oni nomas Konstantinoplo konsistas el tri grandaj urboj, dividitaj per la maro, sed unuigitaj unu kun la alia tiel proksime, ke ili ŝajnas esti entute unu.

La ankro de la ŝipo estas ĵetita: mi per vidilo volis rigardadi la belegan panoramon de la urbego, kun ĝiaj multenombraj domoj, moskeoj, sonoriloj, miriadoj da ĉiukoloraj dometoj unu super la alia, altega urbo kronita de minaretoj, kupoloj, cipresoj, monumentaj palacoj; plie oni vidas en la direkto de Galata grandan samnoman turon, kie ĉiuvendrede ventumas la turka flago kun sia karakteriza duonluno.

La urbo rapide plilongiĝas kaj formas kvartalojn post kvartaloj ĉe la flanko de la ridetanta Bosforo kun ĝiaj diverskoloraj palacoj, verdantaj ĝardenoj, pavilionoj, kioskoj, arbaretoj. Per unu vorto vera paradizo sur tero! Belega, fiera, rava Konstantinoplo! Gloro al la kreo kaj al la homo; mi neniam revis tiom da beleco!

Por bone vidi la loĝantaron, estas necese halti sur la naĝanta ponto, longa preskaŭ kvaronon da mejlo, kiu sin etendas de la pinto Galata ĝis kontraŭ la bordo.

La popolamaso, kiu trairas tie, montras multon da diversaj koloroj, ĉiuj personaj grupoj prezentas aliajn popolojn, la plej strangajn tipojn de kutimoj kaj socialaj rangoj; oni neniam pri tio atingas konkludon pro la senĉesa konfuzo, kiun oni vidas tie, inter dudek paŝoj kaj dum dek minutoj. Malantaŭe multaj ŝarĝoportistoj, kiuj kurante preterpasas kurbaj pro grandegaj ŝarĝoj; jen proksimiĝas portilo marketita per eburo kaj perlamoto, en kiu sidas armena sinjorino; antaŭ ol vi turniĝas, vi trovas vin inter brigado da persoj kun piramidformaj astrakanaj ĉapoj; poste oni vidas hebreon en longa flava vesto malfermita flanke, kaj distaŭzitan ciganinon, kiu portas sur dorso infanon en sako, plue longan maldikan katolikan pastron kun breviero kaj bastono, konfuzan amason da grekoj, turkoj, armenoj, iun dikan eŭnukon sur ĉevalo antaŭirantan turkan veturilon pentritan per birdkoloroj aŭ floroj, en kiu sidas virinoj el iu haremo: oni ekvidas ilin vestitajn per verda aŭ violkolora vesto, kaj envolvitajn en grandaj blankaj vualoj.

Ĉiuj diversaj tipoj sin renkontas ne rigardante unu la alian, kiel la grandurbaj loĝantoj; neniu haltas, ĉiuj rapidas, kaj el cent vizaĝoj oni vidas neniun ridetantan. Albano trairas kun siaj blankaj sutanetoj kaj pistolegoj en la zono, flanke preterpaŝas tataro kovrita de ŝafovira felo; turko sur ĉevalo aŭ selita azeno kun granda pompo; mahometanino piediras, poste sekvas vualita servistino; grekino kun sia ruĝĉapeto, kaj harligoj falantaj sur la ŝultroj; nigrulino envolvita tute en nigra ŝtofo kiel funebra aperaĵo. Vera mozaika ŝanĝado de rasoj, religioj, kiuj sin kunmetas kaj dismetas senĉese kun tia rapideco, ke oni povas apenaŭ sekvi per la rigardo.

Poste estas tre amuze fiksadi la okulojn al la tabulo de la ponto, atentante nur la piedojn, kiuj trairas kaj prezentas ĉiujn piedvestaĵojn de la tero, t. e. de Adamo ĝis la lasta Pariza modo: flavaj pantofletoj de turkoj, ruĝaj de armenoj, bluaj de grekoj, nigraj de izraelidoj, sandaloj, botegoj, albanaj gamaŝoj, defluitaj ŝuetoj, pantofloj orbroditaj, piedvestaĵoj el atlaso, ŝnuro, ĉifonoj kaj ligno, oni rigardas unu, tuj aperas cent aliaj, ĉiuj kuras dekstren aŭ maldekstren ... La popolamaso de tempo al tempo iom maldensiĝas, kaj tuj alproksimiĝas vico da blankaj turbanoj kaj ruĝaj fezoj, inter kiuj aperas cilindraj ĉapeloj kaj ĉarmaj diafanaj ŝtrumpetoj de eŭropaj amindaj sinjorinoj.

Vere estas admirinda la vivado de la urbo; ŝajnas kvazaŭ oni vidus tutan Eŭropon, en tiu malgranda spaco da tempo; poste al viaj okuloj prezentas sin alia stranga procesio t. e. kameloj, ĉevaloj, portiloj, veturiloj, bovoj, ĉaretoj, sangoverŝitaj azenoj, senharaj hundoj; tio ĉi fermas longajn vicojn inter kiuj apartiĝas la amaso; tiel ankaŭ oni vidas senkotigistojn kun orumita kesteto, vagantajn barbirojn kun seĝo kaj lavvazo en la mano, vendistojn de akvo aŭ dolĉaĵoj kriegantajn en greka aŭ turka lingvo; ĉe ĉiu paŝo oni vidas brileti iun milituniformon: oficiroj kun fezoj kaj skarlatkoloraj pantalonoj kun brusto stelumita per ordenoj; ĉevalistoj de serajlo ŝajnantaj militistaraj generaloj. Tiu ĉi maskitaro de popoloj disiras sur ŝipetoj forveturantaj ĉiumomente al la urbo Skutari aŭ al la vilaĝetoj apud Bosforo al Stambulo, en bazarojn, en moskeojn, en la ĉirkaŭurbojn ĝis la plej malproksimaj kvartaloj de la Marmara maro, dekstren al la Sultanaj palacoj, maldekstren al Pera-loĝejoj. Multenombraj vojetoj eliras sur la ponto, kiu serpentumas laŭlonge la flanko de la montoj kaj alligas Azion kun Eŭropo; post kvarono da horo de irado oni eniras en Stambulo.

Tie regas profunda paco! Tie oni povas observi ĉiujn orientajn misterajn kaj jaluzajn spektaklojn, sur alia bordo de la Ora Korno videblajn nur inter bruanta konfuzo de la eŭropa vivo; tie ĉio estas naive orienta. Post kvaronhoro piedire oni vidas neniun! Plie oni ne aŭdas bruon; tie ĉi ekzistas nur lignaj per mil koloroj pentritaj dometoj, kies unua etaĝo elŝovas super la teretaĝo; la fenestroj havas antaŭe specojn de tribunoj glazuritaj ĉiuflanke kaj fermitaj per lignaj kradoj kun malgrandetaj truoj; tio donas al la strangaj vojoj aspekton de mistero aŭ malĝojo.

La vojoj estas tiel mallarĝaj, ke la flankoj elŝovitaj de la kontraŭaj domoj preskaŭ sin tuŝas, kaj tiamaniere oni piediras tra longaj stratoj en la ombro de tiuj homaj kaĝoj; fermitaj estas ĉiuj pordoj; la teretaĝaj fenestroj estas palisplektitaj: ĉio spiradas malfidon kaj jaluzon; ŝajnas kvazaŭ oni trairas urbon de monaĥejoj. Piedirante vi aŭdas ian eksplodon de rido; suprenlevinte la kapon vi ekvidas harligan nodon aŭ okuleton brilegantan tra iu fendo, kaj tuj malaperantan; en aliaj lokoj oni surprizas viglan interparoladon, sed neatendite ĝi finiĝas ĉe la bruo de via paŝo.

Trairante vi momente konfuziĝas: kiu scias, kia reto de

---

[1] El „Die Friedens-Warte".
[2] Tiu artikolo estis verkita antaŭ la milito.

petolajoj aŭ de intrigoj! Neniun oni vidas, sed cent okuloj vidas vin, vi estas tute sola kaj vi sentas, ke vi estas inter popolamaso, vi volus neobservite trairi: iu pordo malfermiĝas aŭ iu fenestro malafable fermiĝas; pro la granda bruo via animo jam ektremas.

Tiuj ĉi senhomaj vojoj kaj placetoj estas ombrumitaj per giganta platano; ĉe iu flanko estas fonto, kie trinkas kameloj, ĉe alia flanko aperas serio de matracoj sternitaj antaŭ la pordo de la kafejoj, kie kuŝiĝinta turko trinkas kafon kaj fumas pipon; apud la pordo ofte oni vidas grandan figujon ĉirkaŭitan de vinberarbo, kiu permesas vidi aŭ observi tra la folioj la azuran malproksiman Marmaran maron aŭ iun blankan velon. La blanka lumo kaj la morta silento donas al tiuj lokoj karakteron tiel melankolian kiel solenan: ili restas neforgeseblaj.

Malsuprenirante vi alvenas en iun el tiuj vojetoj, kie ĉio estas ŝanĝita: vi troviĝas en grandaj Stambulaj vojoj flankumitaj de memorindaj monumentoj, kie la okuloj ne sufiĉas por admiri: vi piediras meze de moskeoj, kioskoj, minaretoj, arkajoj, galerioj, marmoraj fontanoj, mozaikaj muroj sub tegmentajoj marketitaj per cedro, en la ombro de iu pompa kreskajaro, kiu superas la murzonon kaj la orumitajn kadrajojn de la ĝardenoj plenigantaj la vojon per parfumoj.

En ĉi tiuj stratoj oni renkontas je ĉiu paŝo paŝaojn, veturilojn, adjutantojn, eŭnukojn el grandaj domoj, procesion de servistoj kaj parazitoj, kiuj iras aŭ reiras inter la ministrejoj; ĉi tie oni rekonas la metropolon de granda imperio, kiun oni admiras en ĝia tuta gloro. Ĉie estas blankeco, arkitektura ĉarmo, ombraj freŝejoj, kiuj dorlotas la sentojn kiel submetiĝa muziko, kaj replenigas la memoron per ridetantaj figurajoj; tra ĉi tiuj stratoj oni alvenas en grandaj placoj, kie imperiaj moskeoj stariĝas.

Galata kaj Pera, kiom malproksimaj ili estas! Al vi ŝajnas esti en alia mondo, en alia tempo, en la granda Stambulo de Solimano kaj de Bajazet IIa; jen, vi eliras el la placoj, troviĝas meze de ligna, mizera, falanta Konstantinoplo plena je malriĉegeco kaj malpurajo.

Stambulo ne estas laboranta, pensanta, kreanta; la civilizacio malfermas ĝiajn pordojn kaj atakas ĝiajn vojojn; ĝi dormetas kaj revas en la ombro de la moskeoj kaj sin detenas de agado: ĝi estis malligita, detruita, malbeligita urbo, kiu prezentas plejmulte haltigadon de pilgriminta raso; tio neverŝajne estas pli granda spektaklo ol alia urbo, kaj oni vere ne povas imagi ĝin ne trairante la tutan urbon; pro tio estas necese komenci de la unua monteto. Tiu ĉi formas triangulan pinton banatan de la Marmara maro, kaj estas kvazaŭ la kapo de Stambulo, monumenta kvartalo de memorajoj, lumo kaj majesto; tie la antikva serajlo kie antaŭleviĝis Bizancio kun sia citadelo kaj la templo de Jovo, poste palaco de la imperiestrino Placidia kun la Arkadiaj varmobanejoj, tie moskeo Sankta Sofio.

De tiu monteto oni malsupreniras en la neprofundan valon, kie etendiĝas la okcidentaj muroj de Antikva Bizancio kaj leviĝas la altega pordo, tra kiu oni eniras en la placon Granda Viziro kaj en la ministrejon de la eksterlandaj aferoj: loĝejo silenta kaj severa, en kiu ŝajnas esti kolektita la tuta malĝojo de la sorto de l' imperio; el tiu valo oni supreniras al la dua monteto, kie leviĝas la marmora moskeo. Nuri Osmanie (Osmana lumo) kaj la bruligita kolono de Konstantino, kiu subtenis bronzan Apolon kun la kapo de la granda imperiestro, kaj ĉe kies centro estis la antikva subtervojo ĉirkaŭita de portikoj, triumfaj arkoj kaj statuoj; plie oni vidas hospitalojn, hotelojn por karavanoj; proksime de la moskeo estas la bazaro de la servistoj, la banejoj de Mahometo, la antikva granita kolono de Marciano, kiu ankoraŭ portas la ornamon de la imperiestraj agloj; proksime de la kolono estas la loko kie troviĝis „Et-Meidan", placo en kiu estis konsumitaj la famaj buĉadoj de la Janicaroj.

Jen la dia Stambulo: sed la koro ektimas pensante, ke ĉi tiu grandega Azia vilaĝo kuŝas sur la ruinoj de la dua Romo, ke ĝi estas belega muzeo de forrabitaj trezoroj el Italujo, Grekujo, Egiptujo kaj el Minora Azio.

La bronzaj sfinksoj sidantaj sur la porfiraj piedestaloj, la temploj kaj palacoj, kiuj suprenlevis frontonojn el granito inter aera popolo de numoj, marmoraj kaj arĝentaj imperiestroj, ĉio estas ŝanĝita aŭ aliformigita; ekzemple: la bronzaj statuoj estas fanditaj por pafilegoj, la kupraj kovriloj de la obeliskoj por moneroj, la sarkofagoj de la imperiestrinoj ŝanĝitaj en fontanojn, la preĝejo de Sankta Ireno fariĝis armilejo, la Konstantina pluvakvujo laborejo, hipodromo foirejo por ĉevaloj; rubajoj kaj hedero kovras la fundamentojn de la amfiteatroj, sur la tero kreskadas herbo el tombejoj; oni memoras, ke sur tiuj montetoj estis iam mirinda metropolo de la Orienta Imperio: tiel sur tiu ĉi grandega ruino sidas Stambulo, kiel odalisko sur tombo atendanta sian horon.

*(Daŭrigota.)* Originale verkis
Giov. Ragusin (Trieste).

## Granda elektra fervojo en Usono

Unu el la plej ambiciaj projektoj en la historio de la fervojoj estos baldaŭ fakto, kiam la Chicago—Milwaukee—Saint-Paul fervojo funkciigos per elektra forto sian montaran sekcion inter Harlowton (Montana) kaj Avery (Idaho). Tiu sekcio estas 708 kilometrojn longa; kun ĉiuj flankaj kaj stacidomaj linioj la elektra relaro havos 1030 kilometrojn, kaj certa parto el ĝi estos jam preta, kiam tiu artikoleto atingos la leganton.

Por tiri la vagonarojn estas konstruitaj 50 elektraj lokomotivoj, el kiuj unu speco por personaj vagonaroj kaj alia por la ŝarĝvagonaroj. Tria speco, por stacidoma uzado, estas en studo. La du unuaj specoj estas en la ĉefaĵo samaj. Ili similas al du kunligataj pakvagonoj, havas longon de 34 metroj, pezas 260 tunojn, kaj disvolvas 3440 ĉevalfortojn. La lokomotivoj por ŝarĝvagonaroj tiras 2500 tunojn sur 10 ‰ supreniro kun dekses mejloj (28 km.) de rapideco. Tiuj por personaj vagonaroj estas aranĝataj por tiri malpligrandan pezon, sed kun rapideco de preskaŭ 100 km., plie ili enhavas aparatojn por elektra lumigado kaj hejtado de la vagonoj. La lokomotivoj havas 16 movigajn radojn, aranĝatajn en kvar sendependaj ĉaretoj po 2 aksoj, kaj ĉiu akso de du radoj estas movigata de du motoroj. La raddiametro estas 1,32 m., la interspaco de la aksoj 3 m. La dometo por la mekanikistoj kaj aparatoj etendas sin laŭ preskaŭ la tuta longo de la lokomotivo.

Kiel elektran sistemon oni uzas kontinuan rondfluon. Tio estas novajo, ĉar ĝis nun kaj precipe en Eŭropo la simpla aŭ la trifaza alterna fluo estis preferataj. La originala fluo, kiu havas 100,000 Volt, estas kondukata al 14 substacioj, lokitaj laŭlonge de la linio inter Harlowton kaj Avery, kiuj transformas ĝin al 3000 Volt kaj sendas ĝin al la kondukdratoj. Apud ĉiu substacio du bonaj domoj estas konstruataj por loĝi la operaciistojn. Por la kondukoj oni uzis 29,000 stangojn kaj 6500 tunojn da kupro. Kunkalkulante la prezon de la lokomotivoj, ĉiu po 100,000 dolaroj, la kosto de la tuta elektra aranĝo atingas proksimume 150,000,000 dolarojn aŭ 21,000 dolarojn po kilometro.

Tiun grandegan sumon la kompanio elspezis por havigi al si la multspecajn profitojn de elektra tirado.

La lokomotivo ne plu bezonas per akvo kaj karbo mem fabriki sian forton, en la elektra fluo ĝi ricevas ĝin tute

pretan, kaj la loko antaŭe uzita por la kaldrono estas disponebla por aparatoj. La movado de la piŝto en vaporlokomotivo kaj de la grandaj stangoj, kiuj ĝin kunigas kun la radoj estas ira kaj reira, tiu alterneco okazigas ĉiamajn skuojn kaj frapojn, kiuj difektas la lokomotivon kaj la relojn. Kontraŭe la turna movado de la elektromotoroj permesas senskuan turnigon de la radoj. Plie la ekmovigo de ripozanta vagonaro, la plej kritika momento por ĉiu lokomotivo, estas elektre pli facila, ĉar ĉiu paro de radoj havas propran motoron. Se la vagonaro malsupreniras deklivon, la elektromotoroj, kiuj dum la supreniro movigis la lokomotivon, povas esti uzataj kiel malrapidigiloj: el la motoroj, kiuj konsumis elektron kaj donis forton fariĝas maŝinoj, kiuj konsumas la forton de haltigado kaj redonas elektran energion. Tiel fariĝas, ke vagonaro malsupreniranta resendas al la drato proksimume 30 % de la energio, kiun ĝi uzis por la supreniro. Aliaj profitoj estas la ĉiama preteco de la elektra lokomotivo, ĉar forfalas la tempo por preni akvon por hejtado kaj la ofta purigado de la krado kaj de l' kaldrono. Ĝi povas iri pli ol 1500 km. sen ekzameno kaj ne uzas energion dum atendado en stacidomoj. Oni taksas, ke vaporlokomotivo kun peza vagonaro forbruligas dum atendado 80 % de la karbokvanto, kiun ĝi uzus marŝante. Fine la elektra instalo permesas la konstruon de lokomotivoj multe pli fortaj ol la ĝisnunaj, profito speciale grava en la montaro, kie la supreniroj kaj la neĝo treege malfaciligas rapidan marŝadon.

Tiuj mekanikaj plibonigoj montriĝas en la funkciado de la fervoja sistemo por gajno de tempo kaj forto, per akurateco tia, ke la alvenoj kaj kruciĝoj povas esti kalkulataj ĝis la minuto, per plia sekuro kaj pureco por oficistoj kaj vojaĝantoj. Ĉar ne plu estas bezonataj la multaj ŝarĝvagonaroj por alkonduki karbon por la lokomotivoj, la reloj fariĝas liberaj por pli granda nombro de aliaj, enspezigaj vagonaroj. En la komforta dometo sur la lokomotivo la elektrikisto kaj lia helpanto kondukas la vagonaron kun kelkaj leviloj; nek devigataj al ĉiama hejtado nek lacigataj de la forma varmego ili povas koncentri sian atenton al la esploro de la linio. Dume la vojaĝanto admiras la belecon de la montaro, neniu fumnubo kaŝas la pejzaĝon, lia vizaĝo ne nigriĝas, kaj neniu karbonereto blindigas la okulon.

La malprofitoj de la elektra trenado konsistas en la granda kapitalo necesa por la elektrejo, la kondukiloj, la transformatoroj kaj la aliaj multspecaj elektraj aparatoj de la linio. Ankaŭ la funkciigo kaj kontrolo de tiuj aparatoj, la riparo de la instaloj rompitaj sub ŝtonfalo aŭ sub lavango k. t. p., postulas lertajn mekanikistojn. Kun siaj multaj kondukoj la elektra sistemo estas pli delikata ol la vapora; la „moderna" naturforto devas esti traktata plej zorgeme, por ke ĝi ne liberiĝu ĉion detruante, kion oni kreis por ĝin kapti. Kion, kompare kun la relative simpla vapora sistemo, oni gajnis en energio, uzebleco kaj agrablaĵoj, tio devas esti repagata per pli komplikaj aranĝoj, per pli multe da atento kaj scio flanke de l' homo. La elektra trenado montras tiel la signifan trajton de ĉiu teknika progreso: oni devigas la naturon al la krudaj laboroj kaj regas ĝin per la homa inteligenteco.

La fervojaj oficistoj en Usono havas grandan fidon, ke la instalado de la elektra sistemo en la montaj regionoj de la nordokcidento multe faciligos kaj malkarigos la funkciadon de la fervojo. Ili pensas, ke ĝi estas unu el la plej grandaj antaŭeniroj de moderna fervoja operacio kaj atendas, ke aliaj kompanioj baldaŭ sekvos kun similaj instaloj.

*John A. Sheil*, Del. (Washington).

---

# ⭑ NOTOJ ⭑

.·. **Militkaptitoj en Rusujo.** — Aperis la raporto de S-roj Thormeyer kaj Ferrière, senditoj de la Internacia Ruĝa Kruco, pri iliaj vizitoj al rusaj kaptitejoj. Ni eltiras el ĝi la jenajn informojn:

*Kuŝado.* La demando de la kovrotukoj estas unu el tiuj, kiuj naskis la plej multe da plendoj. Oni senrezultate diskutis ĝin. La rusa soldato ne ricevas kovrotukon. La registaro opinias, ke ĝi ne estas devigata liveri al kaptitoj tion, kion ĝi ne donas al siaj propraj militistoj. Tamen, tiuj kovrotukoj estas tre bezonataj. La germana registaro, per la svedaj delegitaroj, jam transsendis gravan nombron de kovrotukoj, kiuj estis disdonitaj precipe en la siberiaj kaptitejoj. La aŭstro-hungara registaro ankaŭ sendis da ili grandan kvanton. Ĉiuj tiaj sendaĵoj estas utilaj, sed ankoraŭ ne sufiĉaj. La delegitoj proponas, ke anstataŭ kovrotukojn oni sendu grandajn senmanikajn mantelojn, ankaŭ uzeblajn kiel dumtagaj vestaĵoj.

*Monsendoj.* La monsendoj per ĉekoj estas pli oftaj, ĉar pli rapidaj kaj pli senriskaj. Ili fariĝas pere de svedaj bankoj, kiuj telegrafe transsendas ilin al rusaj bankoj, speciale al la ruso-azia banko, al komerca banko de Siberio, al la rusa banko por la fremda komerco, k. t. p. La filioj de tiuj bankoj, ekzistantaj en ĉiuj gravaj urboj, starigas listojn de adresatoj, kiujn ili pli-malpli regule sendas al la kaptitejestro. Tiu listo, alnotata de la kancelariaj oficistoj, estas resendata al la banko kun indiko pri la ĉeesto en la kaptitejo aŭ nova restejo de la adresato. Nur la sumoj por ĉeestantaj adresatoj estas sendataj al la direkcio de la kaptitejoj, kiu ilin disdonigas kontraŭ tri kvitancoj. La adresato ĉiam ricevas de la Stockholma banko avizon pri la ĉeksendata sumo. Fakte, la avizo tre ofte alvenas antaŭ la sumo, kio okazigas plendojn. Estas ĉiam malfacile, fiksi la respondecon de tiuj prokrastoj.

*Kuraciloj.* La demandoj pri kuraciloj devas esti tute speciale prijuĝata en la kaptitejoj ... Kompetentulo en tiu fako esprimis la deziron, ke klopodoj estu farataj ĉe la rusa kaj ĉe la aŭstra-germana registaroj por sendo de kuraciloj al Rusujo interŝanĝe de sendo de rusa pano al Germanujo. Tiu interesa propono sendube renkontos praktikajn malfacilaĵojn; ni esperu, ke la Stockholma Konferenco ĝin metos sur la programon de siaj diskutoj. — *El la Novaĵoj de la Informejo por militkaptitoj.*

.·. **Korespondado kun la francaj okupitaj departementoj.** — La franca ministrejo de la internaj aferoj organizis la servon por korespondado kun la personoj restintaj en la okupitaj departementoj. Specialaj formulkartoj estas uzataj; la personoj ilin dezirantaj devas pruvi per legitimacio, ke ili havas parencojn en la okupitaj regionoj. La sendaĵo limigita je dudek vortoj enhavu nenian ĝeneralan aŭ militistan informon.

La fako de la Internacia Informejo por militkaptitoj, kiu sin ĝis nun okupis pri tio, transdonis de februaro kelkmilojn de komunikaĵoj kaj ankaŭ ricevis milojn de respondoj per la Frankfurta Ruĝa Kruco.

.·. **La vunditoj inter du tranŝelinioj.** — Oni povis ofte legi en la batalrakontoj pri multnombraj vunditoj lasitaj inter du malamikaj tranŝelinioj; neniu povas ilin alproksimiĝi sen mortrisko. Eĉ la ambulancistoj ne povas veni al ili.

Kortuŝite de tiuj tragediaj rakontoj la reĝo de Hispanujo telegrafis al ĉiuj regnestroj por peti, ke ili ekzamenu, ĉu ne ekzistus ia rimedo, por konkludi inter la militantaj regnoj interkonsenton, laŭ kiu la militistaj ambulancistoj povus forpreni la vunditojn je taŭga tempo.

Ĉiuj regnestroj varme aprobis kaj promesis ekzameni la nomitan proponon. Al ĉiuj ambasadoroj de la militantaj regnoj en Madrido kaj al la ambasadoroj de Hispanujo ĉe tiuj regnoj, la propono estis transsendita. La hispana registaro plene aliĝis al la iniciato de la reĝo.

##  LITERATURO 

# La feliĉa juneco

de **Karl Spitteler** [1]

Ĉu vere ĝi estas tiel feliĉa? Mi opinias, ke ni intermiksas la poezian brilon, kiun nia beligita memoro reflektas sur la tempon de juneco, kun la vera sentostato de la junularo. Senpripense ni konsideras la infanon kiel duonan homon, infanajn suferojn kiel malgrandajn suferojn, infanajn sortojn kiel sortetojn.

En realeco la infano estas, rilate sia sentemo, plena homo kiel ni, kun same granda memkonscio, kun sama kapablo de suferado. Ĝiaj sortoj estas tute ne malpli grandaj ol la niaj; de la naturaj necesoj kaj de la akraĵoj de l' naturo ĝi ne estas privilegiita per indulgo; ankaŭ per nenia gepatra zorgado ĝi povas esti protektata kontraŭ la plej teruraj travivaĵoj de la plenaĝuloj, kontraŭ malsano, doloroj, ĥirurgiaj operacioj, kontraŭ akcidentoj, katastrofoj kaj la morto. Dekkvarjara infano kun dentdoloroj ne suferas malpli ol kvardekjarulo; ĉe fervoja katastrofo la infanoj ne estas malpli kunpremataj kaj sentas la saman turmentegon kiel grandaj personoj.

Kontraŭe, la kruelaĵoj de la vivo pli ofte alproksimiĝas la infanon ol la plenaĝulon; ofte ĝi estas malsana, aŭ febras; ĝi estas elmetata al pli multaj akcidentoj kaj liveras amason da oferoj al la morto. En la rilatoj kun la naturo la infano estas homo, kiu ankoraŭ nesufiĉe sin adaptis, kiu ne plene lernis sin turni en la mondo kaj tial kontraŭ ĝi ne estas bone armita. Tio estas tre serioza, tute ne ridinda situacio. Ankaŭ la infana sento malpli bone eltenas la provojn de la naturo kaj de l' sorto ĉar ĝi ne scias, kiel la plenaĝulo, kalkuli kun longaj tempospacoj, nek konas la konsolon: „Pli poste ĉio pliboniĝos", nek ankoraŭ posedas la moralajn kaj spiritajn rimedojn de plifortiĝo. Kiel ofte kaj profunde ploras infano! Kia malespero kaptas ĝin dum pluva tago; kiel senfinaj kaj senesperaj ŝajnas al ĝi la zorgoj de la lernejo! Ke tio iam finos, ĝi ja aŭdis, sed ĝi ne kapablas ĝin kredi en sia koro; ĉar mankas al ĝi la mezurilo por la tempo, kaj ĝi ne povas havi tiun mezurilon, ĉar por la infano la komenco de l' vivo kuŝas en legenda estinteco, kvazaŭ en speco de privata eterno. Kaj ne forgesu, la infano suferas sub premigaj statoj de l' animo, pri kiuj la plenaĝulo nenion plu scias. Ekzemple la enuo, tiu ĉiutaga tedisto de l' infano. Ĝi ja ne ankoraŭ povas ĉerpi ideojn el si mem, ĉion ĝi devas altiri el la eksteraĵo. Kaj plie la maltrankvilo, la timo! Timo kontraŭ bestoj, en la unuaj jaroj eĉ kontraŭ ĉiu nekonata vizaĝo, maltrankvilo pro izoleco aŭ ne konata ĉirkaŭaĵo, maltrankvilo en la sonĝoj kaj bedaŭrinde baldaŭ kaj ĉiam plu timo kontraŭ punoj. Oh, tiuj punoj! Se eĉ nur estus tial, ke infano, knabo aŭ knabino, estas ĉiam elmetata al eterna admonado, al la riproĉoj, al la minacantaj punoj hejme aŭ en la lernejo, ke ĝi devas tremi se ĝi „ne scias sian taskon", jam pro tiu kaŭzo mi kontraŭdirus al la pretendita feliĉo de la infanoj. Vere, estas unu el la plej gravaj malagrablaĵoj, kiuj povas okazi al homo, ke oni metas lin en situacion, kie li devas tremi antaŭ alia homo, aŭ devas akcepti riproĉojn, ne havante la rajton respondi.

Entute mi opinias, ke la juneco kaj precipe la infana aĝo estas ĉio alia ol stato enviinda aŭ meritanta laŭdojn.

Kaj la moralo? Sed, ĉu ĉiu verajo devas havi voston de moraleco? Ĉu la vero estas oficisto ĉe la instrua fako? Cetere, se nepre oni volas, mi scius moralan konkludon: Ofte konsoli la infanojn, ĉiutage montri al ili kaj malkaŝe konfesi, ke oni ilin amas, kaj malpli senlace ilin eduki, admoni, plibonigi, mallaŭdi, korekti kaj puni.

En la juneco ni estas multe tro riproĉataj.

El la revuo *„Schweizerland"*.

Trad.: *Ed. St.*

[1] *Karl Spitteler*, naskiĝinta en 1845, sviso, unu el la plej famaj nuntempaj germanlingvaj verkistoj.

# TRA LA ESPERANTA LITERATURO

**Fundamentoj de la Kvakerismo,** de *Caroline Stephen.* Esperantigita de *Montagu C. Butler,* el la kvara eldono de la angla originalo. British Esperanto-Association, London. Prezo: 1 s. 9 d. (Sm. 0,88). Bindita, 154 paĝoj.

Tiu libro, kies eldonon malavare pagis iu, kiu deziras resti anonima, interese pritraktas la religiajn kaj organizajn fundamentojn de la Kvakeroj aŭ Amikoj, grupiĝo, kiu havas adeptojn precipe en anglolingvaj landoj. Oni kutime scias pri la Kvakeroj, ke ili formale rifuzas militservi kaj ĵuri, ĉar ili opinias, ke ambaŭ agoj estas kontraŭaj je la instruoj de la Kristanismo, sed pri ilia kompreno de la religia vivado, oni estas malprecize informata, verŝajne tial, ke la Amikoj ne ŝatas eksteran propagandon kaj reklamadon. Tiu libro, verkita kun laŭdinda modereco kaj singardemo, permesos al la interesuloj je religiaj problemoj pligrandigi ilian scion pri tiu ĉi frataro, kiu, kvankam ne multnombra, havis gravan influon, kaj kies idealoj kaj kredoj disvastiĝis en multajn direktojn tute ekster ĝiaj limoj. Inter aliaj rimarkindaj estis la laboroj kaj la influo de la Kvakeroj rilate la forigon de la sklavkomerco kaj la movadojn por paco, edukado, abstinenco, k. a. La giganta movado *Adult School* estis fondita de Amikoj.

Jen la nomaro de la ĉapitroj: Organizo. — La interna lumo. — Adoro. — Libera ministrado. — Apartaj atestoj. — Nia misio. — Aldonoj diversaj.

La tradukinto talente plenumis sian taskon. La stilo estas tute Esperanta kaj, malgraŭ la malfacileco de la temo ĉe kelkaj lokoj, tiu verko facile legiĝas.

Ĉe sia antaŭparolo, la tradukinto informas la legantaron, ke li uzis du jam longe proponitajn afiksojn, ĉar li trovis ilin bonaj kaj ne kontraŭfundamentaj, nome: *mis-* = erare, malĝuste, kaj *-end* = kiu devas esti aŭ devus esti -ita. (Ekz.: detruenda estas Kartago = [latine] Delenda est Carthago.) La jenaj vortoj, kvankam ankoraŭ ne en la plimulto de vortaroj, jam estas ofte uzitaj de diversaj aŭtoroj: *kazo; mesaĝo* = sendito, diro, sciigitaĵo; *perpleksi* = mense konfuzi aŭ ambarasi; *riveli* = malkaŝi.

Imitinde estas, ke ĉiu tradukinto notu en antaŭparolo la novajn aŭ malmulte konatajn vortojn kaj la proponitajn afiksojn. Pri tiuj lastaj oni kompreneble estu tre singardema. La du supre nomitaj *(mis-, -end)* ŝajnas al ni iom post iom enkondukindaj en la praktikon, same kiel okazis kun *aĉ*.

**Esperanto.** Lernolibro por germanlingvanoj, kun germana-Esperanta indekso, de *Arthur Degen,* dip. instruisto ĉe la Saksa Esperanto-Instituto. Eldonis Ortsverband der Leipziger Esperantogruppen. Prezo: 30 pfenigoj (Sm. 0,15). Broŝuro, 32 paĝoj.

Nova malkara lernolibro, praktike verkita kaj rekomendinda por propagando. Aparta tabelo de la uzitaj vortoj estas aldonita, kaj sur flavaj folioj estas koncizaj klarigoj pri nia lingvo, pri UEA, GEA kaj la Leipziga Gruparo.

Sed kial iuj Esperantistoj sentas la bezonon nuntempe, malkonfesi la internacieman karakteron de nia movado? Jen kion ni tiurilate legas sur paĝo 28ª, en artikoleto pri Esperanto kaj la milito:

„Entute la Esperantanoj montris, ke ili ne estas internaciaj revemuloj, sed agemaj, fidelaj anoj de sia patrujo. Jen la patrujo aprobis ĉi tiujn laborojn kaj subtenis ilin per riĉaj monrimedoj." Eble, sed sen tiuj „internaciaj revemuloj", Esperanto estus de longe mortinta; ilin subtenis ne „riĉaj monrimedoj", sed antaŭ ĉio la kredo, ke laborante por Esperanto, ili samtempe laboras por la plibonigo de la interpopolaj rilatoj. Estas nun la modo, tion forgesi, sed se la Esperantistoj daŭrigas ĝin forgesi, nia movado baldaŭ perdos sian unuecon kaj ĉian intereson. La estonteco de Esperanto dependas de la estonteco de internaciismo, ne de kelkaj okazaj registaraj monhelpoj.

*Interim.*







† Théophile Rousseau, 1876—1916
Kunfondinto kaj vicprezidanto de Universala Esperanto-Asocio

# La morto de Théophile Rousseau

## Kondolencaj esprimoj

De British Esperanto-Association, S-ro Montagu C. Butler sekretario:

„Mi esprimas al vi plej koran bedaŭron kaj sinceran kondolencon pri la morto de S-ro Th. Rousseau. Kiel vi ĝuste diras, la plej valoraj homoj ne estas tiuj, kiuj plej multe bruas. La morto de nia forpasinta amiko estas ja terura bato ne nur por UEA, sed ankaŭ por la tuta mondo Esperantista ...“

De Germana Esperanto-Asocio, S-ro v. Frenckell, direktoro:

„Mi ĵus ricevis la informon pri la morto de S-ro Rousseau. Ke tiu althonorata kaj aminda viro tiel frue mortis, estas profunde malĝojiga. Lia perdo estas vere tre peza. Mi petas vin akcepti la esprimon de mia kunsento ...“

De S-ro D-ro Arnhold, kasisto de Germana Esperanto-Asocio:

„Kun sincera malĝojo mi ĵus eksciis, ke via vicprezidanto, S-ro Rousseau, mortis en la batalado por sia patrujo. Post kiam vi jam suferis gravegan perdon pro la morto de S-ro Mudie, tiu nova perdo vin duoble kruele atingos. Mi ĉiam konservos fidelan rememoron pri ambaŭ viroj, kiuj al la Esperanto-movado kiel al UEA faris grandajn servojn, kaj kiujn mi persone ĉiam alte estimis.“

De S-ro Generalo H. Sébert, Paris:

„Mi ĵus ricevas la lastan N-ron de via gazeto, per kiu mi ekscias la malĝojan novaĵon pri la morto de S-ro Rousseau; mi esprimas al vi mian bedaŭron pro tiu perdo. Post la morto de via bedaŭrata prezidanto, nova kruela bato atingas vian Asocion kaj Esperanton. Speciale kruela por nia lingvo estas tiu terura milito ...“

De S-ro F. Rockmann, el Magdeburg, komitatano de UEA:

„Kun profunda ĉagreno mi legas, ke nova terura perdo trafis nian Asocion. Post nia neforgesebla prezidanto la senkompata milito prenis de ni nian alte ŝatatan vicprezidanton, S-ron Théophile Rousseau. Li postvivos en mia memoro ĉiam kiel modela Esperantiano. Mi ne povas diri, kiel multe mi lin ŝatis. Nia Asocio perdis multon, eĉ pli multon ol ni povas taksi momente, sed li postlasis kvazaŭ testamenton. La vortoj en lia letero estas vere oraj por ni. Ili enpenetru niajn korojn, kaj ni plenumos lian deziron, lian konvinkon, laborante pli energie en la ĝisnunaj vojoj post la milito. La mondo vidos, ke nia verko pretervivos. Al lia altestimata familio mi transdonas mian sinceran kondolencon. La Ĉiopovulo konsolu kaj benu liajn malfeliĉajn edzinon, filinetojn kaj gepatrojn.“

De S-ro Paul Blaise, el London, komitatano de UEA:

„Ni estis tre dolore kortuŝitaj je la komuniko pri la morto de nia kara Vicprezidanto. Rousseau estis unu el niaj plej sindonemaj kaj necesaj kunlaborantoj. Ni ĉiam kun sincera plezuro renkontis lin en niaj kongresoj, legis liajn instruajn kaj sagacajn artikolojn kaj raportojn. Kiu povos lin anstataŭi? Mi kredas, ke tio estas malfacila tasko, ĉar malmultaj samideanoj havas la energion kaj sindonemon de nia kara malaperinto. En tiu malfacila tempo, la restantoj devas fari ĉion eblan por daŭrigi la taskon, ĉe kiu Rousseau tiel multe helpis ...“

De S-ino Henriet-Nolotte, anst. Del., Dijon:

„Estas neriparebla perdo. Mi, kiu vidis lin ĉe la laboro, kiel la animo de nia Dijona grupo, kaj kiel delegito kaj propagandisto de tiu UEA, kreita de li, povis taksi la valoron de lia inteligenta agemo kaj nelacigebla penado. Mi vidis, kiel li, kun tre alta idealo, sciis pozitive mezuri la atingitajn rezultatojn kaj la taskon plenumotan.“

De S-ro Francisco Gorgues, Del., Barcelona:

„Kiam ankoraŭ restis en nia penso la ne forgesebla perdo de nia kara prezidanto, surprizas nin la dolora sciigo pri la morto de nia vicprezidanto, S-ro Th. Rousseau. La Barcelona Esperantianaro prezentas sian plej koran kondolencon“.

De S-ro Armando Camuffo, el Trieste:

„... La morto de nia amata vicprezidanto estas grava malfeliĉo por UEA kaj por mi, kiu konis lin en 1911, kiam li venis en Triesto. Pro lia malapero, multon perdis nia afero, kaj mi valoran majstron kaj amikon. Malfeliĉa UEA! En malmultaj monatoj, estis forprenitaj du el ciaj plej bonaj helpantoj. Sed el tiu elproviĝo, ci eliros, kaj aliaj, ankaŭ indaj je sia sankta misio, gvidos cian destinon ...“

De S-ro Nivard, Del., Groningen:

„... Kiel volontege mi kaj certe ĉiuj el ni volus diri: Volu Dio, ke li estu la lasta ofero. Mi per mia tuta koro esprimas mian sinceran doloresprimon al lia malfeliĉa familio.“

De S-ro J. Etard, Del., Rouen:

„... Tre malĝoja pro la morto de nia amiko Rousseau. Vere multe suferas de la milito nia Asocio.“

De S-ro F. Ellersiek, Berlin:

„... Akceptu mian sinceran kondolencon okaze de la heroa morto de S-ro Rousseau, kiu signifas por UEA neripareblan perdon.“

El letero de persona amiko, S-ro Prof. Lhermite, Esp-iano en Troyes:

„... Ni perdas en li la plej lojale sinceran amikon kaj vi kunlaboranton, kies korajn kaj inteligentajn ecojn vi povis taksi. Kiom da rememoroj kaj impresoj revenos al vi kiel al mi mem en tiu momento, elvokante lian brilan inteligenton kaj lian profundan sentemon. Li havis malmulte da konfidenciuloj, sed kiom li ŝatis sin doni al tiuj, kiuj naskis lian konfidon, ĉu por komuniki al ili siajn noblajn ideojn, ĉu por klarigi siajn tiel originalajn matematikajn esplorojn aŭ Esperantistajn iniciatojn ... La matematikista flanko de lia agemo ne estis malpli rimarkinda ol la Esperantista. Ĉe tiu ĉi fako li ankaŭ havis originalajn iniciatojn kaj ni faris grandan perdon. Lia ideala revo de pli saĝo homaro efektiviĝu! ...“

# Bileto de blankbarbulo

## *Stoikaj paĝoj*

*al militkaptita filo*

*Tre eble estas, esti dia homo kaj esti konita de neniu. Ĉiam memoru pri tio; kaj pri tio ĉi ankaŭ, ke tre malmulto estas necesa, por ke la vivo estu feliĉa. Kaj, se vi malesperas fariĝi lerta en dialektiko aŭ en la sciencoj, tio ĉi ne estas motivo por rezigni esti libera, modesta, sociema, obeanta Dion.*

*Vi povas vivi sen ĝeno, en la plej profunda korpaco, eĉ se ĉiuj homoj kriegus minace kontraŭ vi, eĉ se la sovaĝaj bestoj disŝirus la membrojn de tiu ĉi materio, kiu vin tegas. Efektive nenio malhelpas, en ĉiuj okazoj, ke via penso konservu la serenecon, la veran juĝon pri tio, kio ĝin ĉirkaŭiĝas, la facilan uzon de tio, kio al ĝi submetiĝas. Tiel la Juĝo diras al Objekto: „Vi estas tio ĉi per vi mem, kvankam la opinio vin ŝajnigas alia“, kaj la Uzo al la Cirkonstanco: „Mi serĉis vin. La estonteco, efektive, estas ĉiam al mi okazo de virto, kiel al homo racia kaj sociema; unuvorte ĝi estas substanco de tiu ĉi arto propra al homo aŭ al Dio. Ĉio, kio okazas min kunligas kun Dio aŭ kun la homo, kaj estas por mi nek stranga nek malfacila regi, sed konita kaj facila ellabori.“*

*Kiam vi bone agis kaj alia ricevis la bonon, kial do, kiel la frenezuloj, vi serĉus ion alian: la montron de la bona agado aŭ la dankemon?*

*Neniu tediĝas pro la utilo; la utilo estas ago konforma je la naturo. Neniam do tediĝu esti utila al vi mem, estante utila al la aliaj.*

*La homoj naskiĝis unuj por la aliaj: ilin sekve instruu aŭ toleru.*

*Kiel via animo uzas sin mem? Ĉio estas en tio. La cetero, vola aŭ nevola, estas nur kadavro aŭ fumo.*

*El* Marko Aŭrelio.
*Trad.:* Th. Cart.

---

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Naŭa Brita Esperanto-Kongreso

La Naŭa Brita Esperanto-Kongreso okazos en *York* je la 10 ĝis 13 junio. Samtempe estos aranĝataj kunvenoj de la belgaj Esperantistoj rifuĝintaj en Britujo.

*Programo:*

*Sabato 10 junio.* — 10 h. m. Malfermo de la akceptejo. — 3 h. p. m. Fotografado de la kongresanaro. — 5 h. p. m. Civila akcepto ĉe Mansion House. — 7. 30 h. v. Koncerto en Guildhall.

*Dimanĉo 11 junio.* — 9 h. m. Kunveno de la brita ligo de Esp. socialistoj. — 10. 45 h. m. Diservo. — P. m. aŭ vesp. Informa kunveno en Guildhall.

*Lundo 12 junio.* — 9 h. m. Ĝenerala kunveno BEA. — 10. 30 h. m. Interfederacia kunveno. — 2. 30 h. p. m. Ekskurso al Bishopthorpe. — 7. 30 h. v. Koncerto en Guildhall.

*Mardo 13 junio.* — Diversaj vizitoj.

---

# KRONIKO

**Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikajojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20a. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.**

## Aŭstrio-Hungario.

*Praha:* F-ino J. Šupichová fondis novan Esp. rubrikon en bohema ilustrita revuo „Rozkvet“; jam en kvar aliaj gazetoj aperas tiaj rubrikoj sub la sama gvidado. — *Wien:* S-ro Süssmann, ĉe la Esp. Junularo, komencis novan kurson.

## Britujo.

*Bradford:* Esp. sekcio fondiĝis ĉe la „United Foreigne Circles“. — *Coventry:* Okazis la dekkvara kvaronjara Konferenco de la Midland Esp. Federacio. Reprezentantoj el Birmingham, Coventry, Kettering kaj Warwick ĉeestis. — *London:* Ĉe la klubo, F-ino Ad. Schafer aranĝis bonegan muzikan vesperon. S-ro Blaise paroladis pri Belgujo. S-ro R. R. Marshall faris propagandan paroladon ĉe la Reĝa Normala Kolegio por la blinduloj. S-ino Blaise malfermis kurson en Balham sub la aŭspicioj de la L. C. C. (Londona Graflanda Konsilantaro) laŭ peto de la lerneja direktoro. Ŝi ankaŭ malfermos en la centro (Holborn) alian kurson sekve de parolado de S-ro Blaise pri la agado de UEA antaŭ kaj dum la milito. — *Preston:* La 33a konferenco de la Federacio de Lancashire kaj Cheshire okazis. Post la interesplena labora kunsido, S-ro K-lo Pollen faris bonegan paroladon pri Esp. kaj la milito. — *York:* La tiea Esp. societo, kiu fondiĝis komence de la nuna jaro, kalkulas nun 65 membrojn. Post la jara kunveno okazis agrabla koncerto.

## Francujo.

*Paris:* Ĉiulunde vespere okazas intima kunveno 51, rue de Clichy. Dimanĉon 7 majo, monata kunveno, je kiu ĉeestis kvindeko de Parizaj kaj aliilandaj samideanoj. La proksima monata kunveno okazos la 4 junio. — *Rouen:* La grupo ricevis la viziton de multaj belgaj kaj anglaj samideanoj. — *Toulouse:* S-ro Arrien instruas kelkajn flegistojn kaj vunditojn pri Esperanto.

## Germanujo.

*Elberfeld:* Artikoloj pri Esp. aperis en „Tägl. Anzeiger“. — *Bensheim:* En tiea lazareto S-ro D-ro Briegleb paroladis kaj varbis 20—30 personojn por kurso de li gvidota. — *Eutin:* Kurso estas aranĝita. — *Regensburg:* Finiĝis komenca kaj progresa kursoj kun tre kontentigaj sukcesoj; nova komenciĝis. — *Stuttgart:* En unuiĝo de Skoltinoj S-ro P-ro Christaller paroladis; S-ro Leyrer faros kurson por la novaj varbitoj. — *Wiesbaden:* Oni festis la dekjaran fondiĝon de la grupo per intima agrabla kunveno.

## Nederlando.

*Haarlem:* Post parolado de S-ro J. W. Sevenhuijsen ĉe la Unuiĝo de Bontemplanoj, estis aranĝita kurso kun ĉ. 30 personoj. — *Vlissingen:* Grupo fondiĝis. S-ro Segelaar en Soubourg faris kurson.

## Portugalujo.

*Estremoz:* S-ro Manuel Fontes aperigis du bonajn propagandajn artikolojn en „O Jornal d' Estremoz“.

## Rusujo.

*Astraĥan:* Ĉe la komercaj klasoj komenciĝis du novaj kursoj. Aperis dua centpaĝa manskribita almanako de Astraĥanaj Esp-istoj. *Baku:* La movado rimarkeble vigliĝis. Ĉiusemajne okazas kelkaj kursoj kaj kunvenoj. S-ro L. Agamjan gvidas kurson kun ĉ. 40 personoj, en la ejo de la Vesperaj Kursoj. — *Barnaul:* Pastro Seriŝev faris raporton en la 1a virina gimnazio por lernantoj de mezaj lernejoj; ekspozicio estis aranĝita. Kelkaj rondetoj studas nian lingvon. — *Drissa:* S-ro V. Grigoroviĉ aranĝis privatan kurson. — *Kamiŝin:*

En reallernejo fondiĝis Esp. rondeto, kiu eldonas manskribitan ĵurnalon. — *Moskvo:* La Studenta Grupo ĉe la Universitato aranĝis publikan koncerton. En la kvina klaso de Xª gimnazio fondis Esp. rondeto. — *Ostrogojsk:* S-ro N. Incertov faris paroladon en la literatura-scienca rondeto ĉe loka vira gimnazio; kurso okazas kun ĉ. 20 personoj. — *Petrogrado:* La Esp. rondeto ĉe Psiko-Neŭrologia Instituto enhavas nun 20 anojn, sub gvido de F-ino Goldberg.

## Svedujo.

*Astorp:* Post parolado de Pastro Wickman, kurso malfermiĝis kaj grupo fondiĝis. — *Falun:* Post propaganda parolado de Pastro Wickman ĉe la Laborista Societo, estis alprenita deziresprimo por la instruado de Es. en la lernejoj. — *Göteborg:* Ĉ. du cent personoj aŭskultis la paroladon de Pastro Wickman, kaj 50 personoj lernas nian lingvon. La tieaj samideanoj kunvenas ĉiudimanĉe vespere en Teatercafeet, Arbetareföreningen. — *Halmstad:* Pastro Wickman paroladis; poresperanta laboro estas komencita. — *Helsingborg:* La konata kontraŭmilita batalanto, Pastro Alb. Wickman, faris sukcesplenan paroladon pri la paca rolo de nia lingvo. — *Stockholm:* Okazis tre sukcesplena festo en la Domo de la popolo, aranĝita de la muzika klubo „Signal". La festan paroladon faris la sekretario de „Verda Stelo", S-ro Teodor Rosengren. Li paroladis pri vojaĝo al Italujo kaj pri la Esperanto-kongreso en Bern 1913, kaj la parolado estis ilustrata per pli ol 100 bele kolorigitaj lumbildoj. Longdaŭra, viva aplaŭdado. La feston ĉeestis ĉ. 500 personoj. — *Tidaholm:* Parolado de Pastro Wickman antaŭ 175 personoj. — *Valbo:* Kurso komenciĝis sub gvidado de S-ro Adamson.

## Svisujo.

*La Chaux-de-Fonds:* La grupo reorganiziĝis. — *Lugano:* Okazis dua propaganda festo. La urbaj gazetoj publikigis longajn artikolojn. Baldaŭ komencos nova kurso. — *Neuchâtel:* Ĉe la ĝenerala kunveno de la grupo, S-ro G. Strœle rakontis interesegajn faktojn pri la utilo de nia lingvo dum la milito. Denove la grupo sendis pakaĵojn de Esperantaĵoj al militkaptitoj. — *St. Gallen:* La lumbilda propagando bone sukcesis. Nova kurso estis komencita.

## Ĥinujo.

*Foochow:* Fondiĝis grupo, kies adreso estas ĉe The Chinese Young Man's Association. — *Hong Kong:* Grupo kaj lernejo formiĝis. Oni eldonas ĉiumonatan hektografitan broŝuron. — *Hunan:* Dank' al la penadoj de S-ro Tsian, la Jurista Lernejo kaj la Teknika Lernejo havas Esp. kurson. — *Nanking:* La Ŝtata Normala Lernejo jam enkondukis Esp. lecionojn en siaj ses fakultatoj. — *Shanghai:* La Ĥina Esp. Asocio laboradas kiel ordinare. Aperas nun „La Ĥina Brileto", interrilatigilo por la ne malpli ol mil Esp-istoj, disigitaj tra la tuta lando.

## Japanujo.

*Jokohama:* Publika propaganda kunveno kaj parolado estis aranĝitaj, kun la helpo de samideanoj el Tokjo. — *Tokjo:* La Studenta Grupo Esp. de la Universitato entuziasme studas nian lingvon. En la kvartalo Kjobaŝi fondiĝis filio, ĉe kiu S-roj Ossaka kaj Asai gvidas kurson por komencantoj. Dank' al la klopodoj de S-ro V. Eroŝenko, malfermiĝis kurso por blinduloj; jam kelkdekoj da studentoj de la Blindula Lernejo ĝin partoprenas.

## Argentino.

*Buenos-Aires:* La Centro Esperantista atingis bonan sukceson per nova propaganda metodo, nome kurso per korespondado. Post avizoj en multaj Argentinaj gazetoj kaj revuoj, kelkaj centoj da interesuloj en ĉiuj partoj de la respubliko kaj en Urugvajo petis lecionojn kaj sekvas nun la kurson, kiun lerte verkis kaj direktas la sekretario de la Centro, S-ro V. Albamonte. La adreso de la C. E. estas nun: Buenos-Aires, 161, Paseo Colon.

## Peruo.

*Lima:* La malnova Esp. gazeto „Antaŭen Esperantistoj!" reaperis.

## Sud-Afriko.

*Natal:* La ĉiujara kunveno de la Natala Verda Stelo kontentige okazis. Spite la milito, ĉiusemajnaj kunvenoj kaj kursoj ankoraŭ estas kondukataj. Propagando daŭrigas en aliaj Sud-Afrikaj urboj, nome en *Cape Town*, en *Zululando*, en *Johannesburg*, en *Pretoria*, en *Beaufort West*.

# La morto de H. Bolingbroke Mudie

La jenan kondolencesprimon ni ricevis el la Esperanto-Gruparo de *Berlin:*

„Pro la grandega perdo trafinta nian aferon kaj movadon per la tragedia morto de via altŝatata Sinjoro Mudie, ni esprimas nian plej profundan malĝojon. Ni ĉiuj plej inde honoru la memoron de tiu ĉi eminenta propaca batalanto per energia, celkonscia daŭrigo de lia laboro tiel feliĉe komencita kaj jam tiom bone prosperinta! Por tion atingi, ni unuiĝu ankoraŭ multe pli firme kaj ageme ol ĝis nun! Multege da necesa laboro devas esti ankoraŭ farata antaŭ ol ni estos tute proksimiĝintaj al nia alta idealo, kiu estas, kolekti kiel eble plej multe da homoj en nia tutmonda organizo pro sistema ĉiuflanka kaj pozitiva kulturlaborado por beno kaj bono de la plena homaro estanta kaj estonta. Ĉi tion ni sankte promesas antaŭ la tombo de nia grandanima amiko Mudie, kies varma koro ne plu batas por ni.

Nome de la Esperanto-Gruparo Gr.-Berlin:
*Franz Döring*, sekr.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Repago de la kotizaĵoj dum 1915.** — Ni kunmetis laŭlande la statistikon de la kotizaĵoj repagitaj dum la lasta jaro. Inter krampoj ni presigis la nombron de la kotizaĵoj ricevitaj ĝis la 1 junio 1914, t. e. antaŭ la milito. Per komparo de la du ciferoj oni vidos la proporcion de la perdoj en la diversaj landoj. Oni rimarkos, ke en la nemilitantaj landoj la reago de la milito je la pago de la kotizaĵoj estis ankaŭ tre sentebla:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio-Hungario | 73 | (678) | Transporto | 1830 | (4734) |
| Balkanŝtatoj | 26 | ( 71) | Portugalujo | 12 | ( 24) |
| Belgujo | — | ( 91) | Rusujo | 163 | (829) |
| Britujo | 521 | (846) | Svedujo | 32 | ( 58) |
| Danujo | 21 | ( 50) | Svisujo | 91 | (174) |
| Finnlando | 11 | ( 49) | Turkujo | — | ( 25) |
| Francujo | 316 | (993) | Kanado | 6 | ( 17) |
| Germanujo | 451 | (1348) | Usono | 265 | (435) |
| Hispanujo | 228 | (300) | Sud-Ameriko | 44 | (105) |
| Italujo | 66 | (119) | Afriko | 22 | ( 95) |
| Nederlando | 101 | (163) | Azio | 36 | (194) |
| Norvegujo | 16 | ( 26) | Oceanio | 38 | ( 61) |
| Transporto | 1830 | (4734) | *Tutmondo* | 2539 | (6751) |

En la supraj ciferoj ne estas enkalkulataj la dumvivaj membroj.

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj** Frankoj

| | |
|---|---|
| Antaŭa listo | 24,125 |
| 125. Aurelio Moutinho, Meda (Portugal.) | 125 |
| Frankoj | 24,250 |

Entute (ĝis la 15 majo) 125 Garantiantoj mendintaj 194 atestojn, valoro 24,250 frankoj.

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.].

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro, kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al „*Esperanto*".

Restas vendeblaj ankoraŭ 6 atestoj.

**Kotizaĵoj por 1916.** — Je la 30 aprilo estis enkasigitaj 1640 kotizaĵoj (el kiuj 71 subtenantoj). Krom tio estas 145 dumvivaj membroj. Sume: 1785. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 58.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato aprilo:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 938 | 1,733 |

*Tuta sumo*: 2,671. (Antaŭa monato: 2,293.)

### Novaj Delegitoj.

*Ekaterinoslav* (Rusujo, Ekat. gub.). — VD.: S-ro Eugenio Ivaŝĉenko, fervojoficisto, Slujbo Dvijenja.

*Isleton* (Usono, California). — D.: S-ro W. I. Isbell.

*Kiŝinev* (Rusujo, Bessarabio). — D.: S-ro N. B. Krassovskij, termezuristo, Gubernskaja Ĉertejnaja.

*London* (D. kvartala por la Haveno). — D.: P. Kalisky, negocisto, 304, Cable Street, Shadwell E.

### Ŝanĝo.

*London* (Anglujo). — VĈD.: S-ro C. H. Edmonds, British Esperanto Association, 17, Hart Street WC.

Pro mobilizo de la Ĉefdel. oni bonvolu sin turni al la supre nomita VĈD.

### Adresŝanĝoj.

*Bologna* (Italujo). — D.: S-ro A. Tellini, 7, Via de Gombruti.

*Chang Shu* (Ĥinujo, Kian giou). — S-ro Eĉeno S. Cian, 150, Kungchin Strato.

*Göteborg* (Svedujo). — D.: S-ro Carl Ohlsson, 18, Linnegatan.

*Sacramento* (Usono, Cal.). — D.: S-ro H. B. Weaver, 3015, J. Street.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*.
PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarko sur bildflanko*.

AMIENS (Francujo, Somme). — S-ro Jules Cressent, 60, rue Legrand D'Aussy, PI, L (kun ĉiulandanoj).

BAHIA BLANCA (Argentina Respubliko). — S-ro Alfonso Fuentes, komercisto, 82, St. O'Higgins, PI, L.

BAKU (Rusujo). — S-ro Aleks. Klener, 100, Kladbusĉensk, PI sportaj, gazetoj sportaj (kun bildoj), leteroj, fotografaĵoj sportaj kaj vidaj, PM persaj, rusaj kaj alilandaj; dez. ankaŭ koresp. kun Skoltoj ne nur Esp., sed ankaŭ ruse, france, germane kaj angle.

CANTON (Ĥinujo). — S-ro Vemeno, sekretario Locomotive departement Shiu Chow Station, PI, L.

CANTON (Ĥinujo). — S-ro Laŭ King Yung, studento, Nan Wu College Honan, PI, L.

CEBU (Filipinaj Insuloj). — S-ro Nicomedes Escribano, Box 140, PI.

CLEVELAND (Usono, Ohio). — S-ro Stanley Kozminski, 3406, Meyer Ave., PI, L.

FRANCUJO. — S-ro H. Philippe, 79e Section des projecteurs, secteur postal 68.

FRANCUJO. — S-ro L. Défontaine, 79e Section des projecteurs, secteur postal 68.

GOLIJ-KAMIŜIN (Rusujo, Sarat. gub.). — S-ro Ŝnejder Roberto, Kamiŝinsk ujezd, dom. 411, PI, L.

HALILA (Finnlando). — S-ro A. V. Sajapin, Sanatorio Usi-Kir Ka, PI, L.

HARDERWIJK (Nederlando). — S-ro H. Dandoy, belga brigadiro, internigita. Baraque 20, PI, PM (kun ĉiuj landoj).

HARDERWIJK (Nederlando). — S-ro Van Den Brande, belga brigadiro, internigita, Baraque 34, PI (kun ĉiuj landoj).

HARDERWIJK (Nederlando). — S-ro N. Christophe, soldato, 14a Reg., belga internigito, PK, L.

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Jose Alvarez Garcia, 1020, Str. 18 de Julio, PI.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro Nikolao Aunovskij, Tverskoj bulvar 6, kv. 27, PI, PM.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro G. V. Percev, Mal. Spaskaja 16, kv. 10, PI (kun eksterlandanoj).

MOSKVO (Rusujo). — S-ino N. G. Protopopova, Novinskij bulvar d. Knjazevoj, 2a Prijut (kun Esperantistoj de ĉiuj landoj).

PUEBLO-SOLIS (Urugvajo). — F-ino Matilde E. Mones, PI (kun ĉiuj landoj).

REGENSBURG (Germanujo). — Esperanto Lega Rondo, Stahlzwingerweg 10, I. (interŝanĝi Esp. gazetojn).

ROTTERDAM (Nederl.). — S-ro J. Bout, Noordschans 15 b, L, PI.

VORONEĴ (Rusujo). — S-ro A. Sidorov Gruzovaja ul. 7, PI, L, PM, Esp. gazetoj kaj ĵurnaloj (kun ĉiulandaj samideanoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

L'ESPERANTO, de S. Vito al Tagliamento, organo de la Itala Katedro de Esperanto regule aperas, kaj aperos tiel longe, kiel S-ro A. Paolet ne estos mobilizata. La direkcio konservas 100 ekz. de ĉiu N-ro por interŝ. kun la Esp. gazetoj, sed nuntempe tio ne estas ebla pro malpermeso de la itala cenzuro. Ni esperas, ke ĉiuj redakcioj daŭrigos sendi al ni sian gazeton. Kiam eble, ni sendos la aperintajn N-rojn de nia revuo. Ni publikigas la enhavon de ĉiuj de ni ricevataj Esp. gazetoj.

INFORMO. — Radomir Klajiĉ, sciigas, ke li estas nuntempe en Nice, 12, Ave. Notre Dame, kaj deziras daŭrigi korespondadon kun siaj geamikoj, ĉar multajn adresojn li perdis dum la rifuĝo. Li petas sciigon pri sia nevo Svetozar R. Zeĉeviĉ, studento, 19-jara. Li malaperis la 22 oktobro 1915 en Nich dum la evakuado; oni supozas lin internigita en Bulgarujo. Informojn oni sendu al li aŭ al C. O. de UEA.

OKUPON ian serĉas aŭstria Esp. militkaptito en Rusujo, profesie bankoficisto, konas boheman kaj germanan lingvojn, iom anglan kaj rusan. S-ro Vilem Ĉerny, Lajchev, Kazan gub. (Rus.).

PETO. — Oni petas informi S-ron Barbe de Kneef, Del. de UEA, 125, Kerkstr. Gendbrugge (Belgujo), ke lia filo estis malsana, sed nuntempe bone fartas. Li korespondas kun S-ro H. J. Howard Hulme, kiu monhelpas lin. Respondon oni sendu al la C. O. de UEA.

SCIIGO KAJ INFORMPETO. — S-ro John P. Nix, sciigas siajn Esp. geamikojn, ke li estas nemobilizebla. Li do, kiel antaŭe, daŭrigas deĵori kiel Del. de UEA en Eastbourne. Li petas la nunan adreson de S-ro E. Szikszay, civilkaptito en Francujo.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO